**Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.** rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



PLENUMITA 13/06/2019 Kvarcenttrideka eldono (unua eldono 20/09/2011)

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 833,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 322,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 302,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 209,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.72






Laŭ la senco, la refleksivo estas Gramatika Voĉo, por kiu bezoniĝas simpla sufikso, kiel havas la Pasiva Voĉo (-ati), la Mediala Voĉo (-iĝi), kaj la Faktitiva Voĉo (-igi). Kelkaj etnaj lingvoj havas tian sufikson, aŭ prefikson, aŭ infikson; la skandinavaj lingvoj havas la alternativan finaĵon "-s". Sed plej multaj eŭropaj lingvoj uzas ordinaran aŭ specialan Pronomon. Ekzemple en la germana oni uzas la ordinaran por la 1-a kaj 2-a Personoj: "*Wir waschen uns*" kaj por la tria Persono la specialan pronomon "*sich*": "*Sie waschen sich*". France: "*Nous nous lavons*" kaj "*Ils se lavent*" La angla uzas la pronomon "*self*" ligitan al aŭ la Persona Adjektivo (*I wash myself*) aŭ la Persona Pronomo (*They wash themselves*). Esperanto uzas la Refleksivan Personan Pronomon "si(n)" kaj la Refleksivan Adjektivon "sia(j)(n)", sed , kiel la franca kaj la germana, nur por la tria persono: "Ŝi lavas SIN" kaj "Ŝi lavas SIAN postaĵon", sed "Mi lavas MIAN penison" (vidu *T. Y. Dictionary* paĝon 126).

Notu la diferencon inter "Li estas SIA propra mastro", en kiu frazo li estas la mastro ante al si mem, kaj "Li estas LIA propra mastro", en kiu iu alia estas mastro ante al li.

*Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 15a de junio estos la tria sabato. *Roger Springer.*



# Gramatiko si



Jen tre bona kaj amuza kanto por klarigi la uzon de "si" kaj "sin".
https://www.youtube.com/watch?v=lCVkupOO8Es Amike, *Nicole Else*

## Aŭstralia/Nov-Zelanda kuna kongreso kaj somerkursaro 2020

La sekva kongreso kaj somerkursaro de kaj Australia kaj Nov-Zelanda Esperanto-Asocioj okazos en Aŭklando, Nov-Zelando inter la 10-a kaj 19-a de januaro 2020.

La kongresejo estos St Francis Retreat Centre.



*[bildo "StFRC.jpg"]*

Instruistoj inkluzivos:



Katalin-Kovats.

*[bildo "Katalin-Kovats.jpg"]*

Katalin Kováts – hungarino, nun loĝanta en Nederlando. Ŝi estas unu el la plej famaj instruistoj de Esperanto, kiu fondis kaj redaktas Edukado.net.

*[bildo "Stefan-MacGill.jpg"]*



Stefan MacGill

Stefan MacGill – fama nov-zelanda esperantisto kaj instruisto, kiu nun loĝas en Hungario. Li estis vic-prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio ekde 2013.

La programo inkluzivas la jenajn:

- Klasoj de Esperanto je tri niveloj
- Vespero de teatro kaj muziko
- Ekskursoj
- Babilado, ridado
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

• Jarkunvenoj informis *Jonathan Cooper*



•Amikiĝo, planado

Por pli da informo kaj por aliĝi, iru al aea.esperanto.org.au/kongreso.

# El Adelajdo

Jen kvin bildoj de nia eksterordinare bonega kunveno merkredon la 5-an de junio.
Amike, *Bob Felby*







# El Perto



Treege bela estas la foto (kiun ni ĝuis en AE429) fare de Peter Danzer, de la lago en Kubultur. Ĝi meritas esti grandigita, enkadrigita kaj de via muro elmontrita, Peter. Se vi volas mendi grandigitajn kopiojn, mi estos via unua aĉetanto! *Vera Payne*

# Voĉlegado de la revuo ESPERANTO

Gekaraj
Responde al peto ĉi sube kiun mi ricevis antaŭ dek minutoj de UEA-estrarano diligentega (Emilio Cid) mi, ni kaj oni serĉas aŭstraliajn-novzelandajn legantojn por helpi blindajn esperantistojn (Ankoraŭ mi scivolemas ĉu https://en.wikipedia.org/wiki/El_Cid estas antaŭ-ula parenco de Emilio) LOL &
amike, *Paulo Desailly*



Kara Paul Desailly
Ni kore dankas pro via kunlaboro voĉlegi la aprilan revuon Esperanto.
Ni rekontaktos vin kun nova invito kaj nun petas, ke vi plusendu la suban tekston al diskutlistoj kaj grupoj de via lando por instigi la homojn aŭskulti la revuon.
Amike Emiljo kaj Luis

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

## Pretas la voĉlegita aprila numero de la revuo Esperanto

La tekstoj estas legitaj de volontuloj de pluraj landoj por vidhandikapitoj kaj eventuale estas uzeblaj ankaŭ por plibonigi aŭskultan komprenon de Esperanto.
Ĝuu https://uea.org/revuoj/sono
Se ankaŭ vi volas helpi voĉlegi artikolojn de la revuo, bonvolu kontakti cid.emilio @ gmail.com
dankon
Luis Obando - kunordiganto de UEA pri la voĉlegado de la revuo Esperanto
Emilio Cid - estrarano de UEA pri informado



*Paulo Desailly*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La historio pri akcidento de iu skvambrusta Lorikito.



Iun tagon, antaŭ multaj jaroj, kiam estis pli da birdoj ol hodiaŭ en nia ĉirkaŭaĵo, mi veturis post alia aŭtomobilo kaj notis, ke malgranda papago estis frapita de la antaŭa aŭtomobilo. AE428 kaj 429. La frapo difektis unu flugilon kaj la birdo saltetis al la alia flanko de la strato kaj kaŝis sin sub iu arbusto.
Ĝi estus tie malsatigita ĝis morto. Tial mi iris por kapti ĝin kaj trovis, ke tiu malgranda papago havis tri ilojn por mordi miajn fingrojn (ĝian bekon kaj ĝiajn du piedojn). Ĉiu el ili estis tre akra, sed ili ne vundis min.
Ne havante kaĝon en la aŭtomobilo, mi metis la birdon en la gantokeston. Alveninte hejmen, nia du metrojn longa malplenigita vitrino iĝis la loĝejo de la birdo, kie ĝi estis nutrita ĉefe per akvo, pano kaj mielo.
Ĝi trovis malluman angulon por dormi. Tial ĝi estis neniam vidita nokte. Matene mi iris eksteren kun la birdo sidanta sur mia fingro kaj mi forlasis ĝin en iun arbuston. Tie ĝi volus grimpi tuttage tien kaj reen ĝis mi portis ĝin hejmen denove.
Post pli ol unu semajno mi trovis, ke la birdo iĝsi pli kaj pli glueca pro mielo. Tial mi penis bani ĝin en larĝa banujo per varma akvo. Mi jetis ĝin en la kuvon, sed la birdo estante tre malpeza, la akvo portis ĝin kiel korkon kaj ĝi ne iĝis malseka. Do, mi tre zorgeme lavis ĝian gluon for per varma akvo.
La sekvantan tagon kiel kutime mi iris eksteren kun la papago sur mia fingro, kaj subite ĝi saltis for kaj flugis al la apuda grundo, akcelis rapidecon kaj tiam, alte en la aero, restis preskaŭ cent metrojn for sur la pinto de iu plej alta eŭkalipta arbo, kie ĝi aŭdiĝis tre laŭte.
Mia Lorikito evidente resaniĝis.



*Erhard Claŭs*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ni esperas ke Marcel, nia 101 jaraĝa kontribuanto baldaŭ resaniĝos.

*Roger Springer*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

# Pardonu min! Mesaĝo de Marcel.



Kaŭzataj de mia nuna malsano, zonherpeto (zosterherpeto, "shingles"), la doloroj estas tro fortaj por mi por verki artikolojn por n.ro 430, bedaŭrinde. Mi esperas havi ion por n.ro 431.



Ci bezonos ankaŭ baldaŭ la proksiman dekon de la rubriko "La Verbo en P.A.G.". Mi jam verkis la duonon kaj antaŭ 431 intencas sendi ĉiujn dek. Kun zonherpetaj doloroj ili verkeblas pli facile ol la pli longaj artikoloj, ĉe kiuj mi havas la ekstran, mensan, doloron kaŭzatan de la fakto ke nuntempe la famaj kaj konataj Esperantistoj ruinigas la belan gramatikon de nia bela lingvo Esperanto per siaj eŭropecaĵoj ne-Esperantecaj, kaj daŭrigas uzi sensencaĵojn kiaj "kialo" kaj "Francio" kaj "estis -ita", kaj ne uzas ĝustaĵojn kiaj "ante al" kaj "ate de" kaj la nur eblan "-ati" en "La letero forsendatis hodiaŭ matene". Amike, *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Roĝero informis nin ke Marcel iom suferas pro malsano. Do, ni sendas multajn bondezirojn al vi, Marcel por via resaniĝo kaj antaŭĝuas legi viajn novajn artikolojn en AE. el kore la manlia klubo sendis *Chris Holliss*



★★★★ **El Adelajdo**



Mi elkore deziras, eĉ deziregas, plej baldaŭan kaj rapidan resaniĝon de nia granda instruisto, Marcelo! Plej amike, *Bob Felby*

★★★★ **El Melburno** sendis *Heather Heldzingen*

Sendube vi mistrafas la gramatikajn artikolojn de Marcel ĉisemajne. Bedaŭrinde li suferas pro zostero (zonerupcio *Shingles)* kaj ne kapablas verki artikolojn por AE. Espereble li baldaŭ resaniĝos kaj ni refoje havos la oportunon plibonigi nian uzon de la bela lingvo.



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★






OUVRAGES D'ENSEIGNEMENT D'ESPERANTO

DICTIONNAIRE COMPLET

ESPERANTO-FRANÇAIS

E. GROSJEAN-MAUPIN

PARIS
LIBRAIRIE HACHETTE ET Cie
79, BOULEVARD SAINT-GERMAIN, 79
1910
Tous droits réservés.

Historio *Peter Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3zzz** En la elsendo de la 10a de junio Rikardo Newsom prezentas la urbon, kie li nun loĝas ; Mount Gambier. Vi konstatos ke la ideoj de la aŭstralia filozofo Peter Singer tre proksimas de la idealo de Esperanto. *Franciska Toubale*





***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***